# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 21/11/2015 Ducentkvardekkvara eldono 21/11/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


El Ĉinujo 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinujon ĝis 29a-Novembro -2015**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Sendu respondojn novaĵon (eĉ mallongan), bildojn, fotojn al mi rspring@tpg.com.au

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estas pli ol 192,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 97. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Alikategoriigo. A.

La vorto “alikategoriigi” signifas ŝanĝi substantivon aŭ verbon aŭ adjektivon aŭ adverbon aŭ iun ajn vorton al en alia kategorio (angle: Part of Speech), do en substantivon, verbon, adjektivon aŭ adverbon. Teorie oni en Esperanto povas ŝanĝi ĉiun vorton en ĉiun kategorion, se la signifo tion permesas. Etnaj lingvoj ankaŭ alikategoriigas, sed iliaj reguloj havas tre multajn formojn kaj esceptojn, kaj multe malpli da uzo. Alikategoriigo estas parto de la vortpluformado, kies du aliaj partoj estas derivado, per afiksoj, kaj vortkunmetado, per du aŭ pli da vortoj.

En Esperanto eĉ la konjunkcioj uzatas en aliaj kategorioj, ekzemple “Ni konsilis al ŝi ne iri tien, kaj ni bedaŭras ŝian tamenan iron”, “Ŝi ne fumas, kaj ŝi neke

drinkas”, “Li promesis resti, kaj li kvankame foriris”.

Proksimnumere kelkaj neeblaj kaj kelkaj nekutimaj alikategoriiĝoj.

Marcel Leereveld.

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



Esperantistoj sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario de la Esperanto Federacio de NSW retmesaĝe al efnsw@tpg.com.au (ctrl+klaku la veran ligilon)

★

Tomiko Otagiri kaj ŝia frato. Ili gastloĝos la 22-an ĝis la 26-a de Novembro 2015.

Rainer Kurz gastloĝos la 26-an de Novembro ĝis la 8-a de Decembro 2015 matene.

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn.10atm **Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo**

La venonta kunveno estos la 21an de Novembro. Ĉiuj bonvenotaj.

# AEA informas.





## Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2015-11-12 AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (12/11/2015) ĉeestis:

Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor kaj – parte – Ilia kaj Bradley el NZ

*** VENONTA TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO)**

**23 – 28 Marto 2016**

Ilia kaj la aliaj helpantoj preparis antaŭ- kaj post-kongresojn. Bona laboro.

Ni refoje diskutis, ĉu valoras starigi AMO seminarion dum la kongreso?

Ni ankaŭ havis respondon de Stefan. Do, finfine ni decidis inviti Stefan MacGill kaj pagi lian loĝadkoston.

Ilia komencis redakti la duan bultenon por la Bandunga Kongreso.

*** JARKUNVENO**

Ni komencis prepari raporteton pri la jaro. Ŝandor kunmetos la diversajn raportojn.

Venontaj kunvenoj: 26/11, 10/12

Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor.




Malnova Strato en Wuhan

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**

## Zamenhofa Tago.

Ĉiuj bonvenotaj. Dimanĉon, la 13an de decembro , 2015. 12:00 tagmeze ĝis la kvara

## Renkontu niajn gastojn el Japanujo.



Ĉiuj bonvenotaj. Dimanĉon, la 22an de novembro, 3.00 ptm Esperanto-Domo



## Pri 3ZZZ radio

Aŭskultu la elsendon de la 16a de novembro 2015 kaj eksciu kion la homoj intencas fari kiam ili atingos Marson... ne tuj ,se **eble en la venontaj 20 jaroj. Ĝuu ankaŭ la belajn voĉojn de Ĵak Le Puil, La Kompanoj, kiuj multe aktivis dum la UK en Lille, kaj Dolĉamar.**

Ĝojan aŭskultadon deziras al vi la kunvokanto por la Esperanto- grupo en 3ZZZ

Franciska Toubale